# INTERNACIA FERVOJISTO




39a jaro Marto-aprilo 1987 N-ro 2



La nacia fervojmuzeo en Varsovio, Pollando. Ĝi situas en la stacio Warszawa Główna Osobowa.

## REDAKTORA BABILO

Bonan tagon, kaj bonvolu: je via dispono n-ro 2 de la jubilejara eldono de IF.

Ĝi temas ĉefe pri la IFEF-kongreso, la 39a dum 39 jaroj. La pola ministro por trafiko, alta protektanto de la kongreso, sendis ĝentilan mesaĝon. Tagordoj kaj kongrespropono troviĝas kaj raportoj de sekretariejo, kasisto kaj redaktoro.

Ni trovis lokon por mencio de kelkaj Esperanto-aranĝoj kaj por skizoj el nia fervoja mondo.

Fine ni havas ne tute freŝan, sed ankoraŭ aktualan raporton pri la faroj, kiuj eblas, se oni pripensas ilin kaj agas, nome raportado en nacilingvaj fakaj periodaĵoj.

Ni do invitas vin al atenta legado, al partopreno en la kongresa laboro, al konstrua proponado pri Esperanto-laboro sur fakaj kampoj - entute al agado.

Memoru la limdaton pri materialo por la venonta IF!

Bonan faston!

Red

## TERMINARA FONDUSO

Denove ni povas aperigi termometron kun "pli alta" temperaturo ol la antaŭa.

La stato nun estas:

| | DKK |
|---|---|
| Antaŭa sumo | 23.916,10 |
| Jarkalkulo 1986 | 2.300,00 |
| Anonima | 950,00 |
| J.Geroldinger | 100,00 |
| | 27.266,10 |




## MEMBROSTATO

| Lando | 1986 | 1985 |
|---|---|---|
| Aŭstrio | 133 | 133 |
| Belgio | 45 | 45 |
| Britio | 30 | 30 |
| Bulgario | 70 | 70 |
| Ĉeĥoslovakio | 22 | 22 |
| Danio | 65 | 60 |
| Finnlando | 21 | 20 |
| Francio | 210 | 230 |
| FRGermanio | 708 | 751 |
| Hispanio | 182 | 182 |
| Hungario | 201 | 201 |
| Italio | 150 | 150 |
| Japanio | 17 | 16 |
| Jugoslavio | 60 | 60 |
| Nederlando | 44 | 44 |
| Norvegio | 75 | 75 |
| Pollando | 40 | 40 |
| Svedio | 90 | 90 |
| Svisio | 75 | 75 |
| Individuaj | 8 | 8 |

## INTERNACIA FERVOJISTO

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio

**Redakcio:** E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.

## INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

**Sekretario:** Otto Rösemann, Ringstrasse 14 D,D-3067 Lindhorst.

**Dana poŝtĉekkonto:** 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.

**Dana bankkonto:** 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto:** 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝtĉekkonto:** CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.




# 39A IFEF-KONGRESO
# 16A-22A DE MAJO 1987
## KATOWICE - POLLANDO

**Konstanta adreso:**
**39a IFEF-kongreso**
**Slaska DOKP**
**Al.Roździénskiego 1**
**PL-40-202 KATOWICE**

**Grava informo**

LKK informas ke en sia kunsido okazinta en Katowice la 9an de januaro 1987 oni decidis prokrasti la limdaton por la pli malalta kongreskotizo ĝis la 28a de februaro.

Do, kongreskotizo por la 39a IFEF-kongreso en Katowice estos:

ĝis la 28a de februaro ...... 30 USD
ekde la 1a de marto ......... 40 USD

Familianoj kaj gejunuloj pagas la duonon, kongresanoj-nemembroj de IFEF pagas 36 USD, respektive 48 USD, simpatiantoj (ne ĉeestas kongreson, sed ricevas nur kongresmaterialon) - 10 USD.

Aliaj pagoj restas neŝanĝitaj, t.e.:

ĉambro-perado, bank-provizo . 4 USD
duontaga ekskurso .......... 5 USD
tuttaga ekskurso ........... 15 USD
solena vespermanĝo ......... 10 USD

Kun plezuro ni informas, ke nia kongreso okazos sub la alta protektado de s-ro inĝ.Janusz Kaminski - ministro de la transporto.

**Klarigo pri pagado**

Ni ripetas la informon el IF n-ro 1/1987 (tamen estas kelkaj ŝanĝetoj):

1. Vi devas pagi en via nacia valuto por kongres-kotizo, ĉambro-perado, ekskursoj kaj komuna manĝo (antaŭ kongresbalo) antaŭ la kongreso.
2. Pagu nur per banko; bankkonto: NBP IV O/Warszawa 1049-7070-132 Zarzad Glowny,PZE Warszawa ul. Jasna 6. 39a IFEF-kongreso.
3. Loĝejkostojn pagu post via alveno al Pollando en zlotoj. Memoru, ke estas necese havi la ŝanĝkvitancon el banko (dokumento ke vi ŝanĝis vian monon por zlotoj).

**Vojaĝo al Katowice**

Bedaŭrinde ne estos eble funkciigi la specialan trajnon Leipzig-Katowice. Ni klopodas plilongigi kelkajn trajnojn (aldoni vagonojn), sed ĝis nun ni ne ricevis respondon (el GDR).

Jen kelkaj trajnoj per kiuj vi povos oportune veturi al Katowice:

1. Ost-West Ekspres n-ro 241
   Hoek van Holland - Moskva trans Poznań kaj Varsovio
2. Leningrad Ekspres n-ro 247
   Köln - Leningrad trans Poznań kaj Varsovio
3. N-ro 441/485
   Köln - Krakovo trans Katowice
4. N-ro 485
   Frankfurt M - Krakovo trans Katowice
5. N-ro IC 41/241
   Paris - Moskva trans Poznań kaj Varsovio
6. "Chopin" n-ro 202
   Wien - Varsovio trans Katowice
7. "Polonia" n-ro 330
   Sofia - Beograd - Varsovio trans Katowice.

| | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 | 23 | 24 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Vendredo 15.05.87 | | | | | Gazetara konf. Sl.Dokp Katowice | | | | | | | | | | | | |
| Sabato 16.05.87 | | | | | | | | | | | Estraro LKK | Interkona vespero Sl.Dokp Katowice | | | | | |
| Dimanĉo 17.05.87 | | Solena malfermo | | | Koncerto | | | | Promenado tra la urbo kaj plantado | | | | Esperanta teatro | | | | |
| Lundo 18.05.87 | | FK / TK | Komitat.kunsido nepublika / Prelego 100 jaroj de E. Filmoj | | | | Fakprelego Komisiono | Terminara Komisiono | | | Komuna manĝo kaj internacia balo | | Nemanĝantoj | | | | |
| Mardo 19.05.87 | | Tuttaga ekskurso | | | | | | | | | | | | | | | |
| Merkredo 20.05.87 | | Unua plenkunsido | | | | | Faka prelego | | Aktualaĵoj | | | | Folklora vespero | | | | |
| Ĵaŭdo 21.05.87 | | Dua plenkunsido | | | Duontaga ekskurso al Oŝwiecim | | | | | | | | Serioza koncerto | | | | |
| Vendredo 22.05.87 | | Terminara Kom. | | | | | | Invito al 40a IFEF-kongreso | | | Solena fermo | | | | | | |

(daŭrigo de paĝo 19)

**Sanĝo**

La kongreskarto ne validos kiel senpaga bileto. Gekongresanoj ricevos apartan senpagan bileton, kiun validos kun kongreskarto ĝis la fino de majo.

**Kelkaj informoj pri manĝaĵo**

En ĉiu hotelo troviĝas kafejo kaj restoracio, en kiu estas aĉetebla bongusta manĝaĵo laŭ pola maniero. Oni povas aĉeti tagmanĝon kontraŭ 5 ĝis 8 USD. Krome en Katowice estas multe da aliaj restoracioj. Proksime al kongresejo troviĝas: "Polonia", "Karczma slupska", "NOT", "Bristol", en kiuj la manĝaĵo estas malpli multekosta ol en hotelaj restoracioj. Prezoj de tagmanĝoj estas ĉirkaŭ 3-5 USD.

Plej malmultekostan manĝaĵon oni povas aĉeti en starmanĝejoj, memservaj bufedoj kaj laktobufedoj.

LKK

## ELDIRO DE LA POLA MINISTRO PRI TRAFIKO

**por "Internacia Fervojisto"**

Projekt wypowiedzi Ministra Komunikacji dla "Internacja Fervojisto"

Drodzy Kolejarze Esperantyści !

Komitet Organizacyjny 39 Międzynarodowego Kongresu Esperantystów Kolejarzy zwrócił się do mnie z propozycją przyjęcia protektoratu nad tym kongresem. Propozycję tę przyjąłem z wielkim zadowoleniem, doceniając rolę, jaką odgrywa esperanto w stosunkach między poszczególnymi ludźmi i między całymi narodami wszystkich kontynentów.

Miałem okazję zapoznać się z kierunkami działalności Waszego ruchu nie tylko w czasie roboczych kontaktów z polskimi kolejarzami esperantystami, ale również w trakcie osobistego spotkania z przewodniczącym Międzynarodowej Federacji Esperantystów Kolejarzy panem Joachimem Giesnerem. Z rozmów tych szczególnie pozostało mi w pamięci m.in. przewodnie hasło esperantystów kolejarzy całego świata : "Tory kolejowe łączą kraje - esperanto łączy narody". Mam nadzieję, że myśl zawarta w tym haśle będzie przewijać się podczas obrad kongresu, który odbędzie się w jubileuszowym roku powstania esperanta.

Serdecznie zapraszam kolejarzy esperantystów do Polski - kraju narodzin języka esperanto.

Minister Komunikacji

Karaj Fervojistoj-esperantistoj!

La Organiza Komitato de la 39a Internacia Kongreso de Fervojistaj Esperantistoj turnis sin al mi kun la propono pri akcepto de la protektado en ĉi tiu kongreso. Ĉi-proponon mi akceptis kun granda kontenteco, aprecante la rolon, kiun ludas Esperanto en rilatoj inter unuopaj homoj kaj inter tutaj nacioj de ĉiuj kontinentoj.

Mi havis okazon interkonatiĝi kun ĉiuj agaddirektoj de via movado ne nur dum laborkontaktoj kun polaj fervojistaj esperantistoj, sed ankaŭ dum la persona renkontiĝo kun la prezidanto de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio sinjoro Joachim Giessner. El tiuj interparoloj precipe restis en mia memoro interalie la gvida devizo de fervojistaj esperantistoj en la tuta mondo: "Relvojoj kunligas landojn - Esperanto kunligas naciojn".

Mi esperas, ke la penso enigita en ĉi tiu devizo revolviĝados dum la debatoj de la kongreso, kiu okazos en la jubilea naskiĝjaro de Esperanto.

Elkore mi invitas la fervojistajn esperantistojn al Pollando - naskiĝlando de la lingvo Esperanto.

La Ministro pri Trafiko

(inĝ Janusz Kamiński)



## TAGORDOJ POR LA KUNSIDOJ DE LA 39A IFEF-KONGRESO

**Kunsido Estraro/Komitato** (nepublika) 18.05.1987

1. Malfermo, konstato de mandatoj
2. Elekto de ĉefkomitatano
3. Konfirmo de elektoj en TK kaj FK
4. Jubilea Jaro 1987
5. Diskuto budĝeto 1988
6. Diskuto kongresproponoj
7. Situacio en kelkaj landoj
8. Diskuto pri venontaj kongresoj
9. Eksteraj rilatoj
   - 9.1. UEA
   - 9.2. FISAIC
10. Eventualaĵoj

**Plenkunsido en du partoj** (publika) 20/21.05.1987

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj, leteroj
3. Informoj pri gravaĵoj de la nepublika kunsido
4. Raportoj estraraj
   - 4.1. sekretario
   - 4.2. redaktoro
   - 4.3. kasisto, konfirmo de kasraporto
5. Protokolo Skopje
6. Konfirmo de la invito al la 40a Kongreso
7. Raporto ĉefkomitatano
8. Raportoj de komisionoj kaj komisiitoj
   - 8.1. Terminara Komisiono
   - 8.2. Fakprelega Komisiono
   - 8.3. Koresponda Servo
   - 8.4. Komitatano A de UEA
9. Resumo pri raportoj landaj asocioj
10. Kongresproponoj
11. Laborplano
    - 11.1. Centjara Jubileo 1987
    - 11.2. Terminaro
    - 11.3. Bazaj artikoloj en IF
    - 11.4. Rekomendoj en cirkulero de Ck
    - 11.5. Kontaktkunveno en UK Varsovio
12. Resumo pri la situacio en diversaj landoj
13. Budĝeto 1988 kaj kotizkonfirmo
14. Elekto de revizoroj
15. Rilatoj al aliaj organizoj
    - 15.1. UEA
    - 15.2. FISAIC
16. Venontaj kongresoj
    - 16.1. Elekto de lando por 1989
    - 16.2. Diskuto pri pluraj eblecoj
17. Internacia skisemajno 1988

18. Eventualaĵoj
19. Libera diskutado

**Kunsido de Fakprelega Komisiono**

1. Demandoj / Respondoj pri la prezentitaj
   1.1. ĉeffakprelego
   1.2. fakaj aktualaĵoj
2. Raporto pri la pasinta laborperiodo
3. F.K.-funkciado, -statutoj kaj -laboro en la estonteco
4. Kontakto kun venontjaraj kunlaborantoj pri prelego-temo, planado, ktp
5. Elekto de komisiongvidanto
6. Elekto de komisionsekretario
7. Libera diskuto

Gunnar Thuesen, gvidanto

**Kunsidoj de la Terminara Komisiono**

1. Konciza agadraporto
2. Elekto de gvidanto, sekretario kaj redaktoro de TeKu
3. Stato de nia laboro
4. Tempoplano por la estonta agado
5. Diversaĵoj
6. Traktado de problemoj (laŭ TeKu)

Gernot Ritterspach, gvidanto

Kompilis ĉefkomitatano,
Lucien de Sutter

## KONGRESPROPONO

**Propono de la IFEF-Estraro**

Pro organizaj kaŭzoj, la IFEF-Statuto estu ŝanĝata jene:

**§ 7c)** la dua parto de la lasta frazo tekstu:
"... kaj laŭdezire ricevas la protokolon de la nepublikaj komitatkunsidoj."

**§ 20 al (3)** kompletigi per jena nova

Post la kongreso, la protokol-tekstoj de la nepublika kunsido kaj de la plenkunsido estos sendataj rekte al la estraranoj kaj komitatanoj.

**§ 26 ĝen. regularo**
La ĝisnuna frazo fariĝas cif. (1)
kompletigi per nova cif. (2) :
(2) En la postkongresa numero de "Internacia Fervojisto" aperu i.a.
- resumo(j) de la fakprelego(j)
- tekstoj de "Aktualaĵoj el mia lando"
- raporto(j) pri la kongreso.

En la dua postkongresa numero de "Internacia Fervojisto" aperu i.a.
- protokolo de la plenkunsido
- resumo de la jarraportoj.

**Aldono III cif. (7)** post "prelegon" fari komon kaj enmeti : "referaĵetojn 'Aktualaĵoj el mia lando'"
cif. (14) forstreki kaj anstataŭi per nova cif. (14) :
(14) LKK disponigas en la kongreso sufiĉe da kompletaj tekstoj de la fakprelego depende

de la nombro de kongresanoj kaj rezervon por kontentigi postajn mendantojn.
La resumo(j) de la fakprelego(j) aperas en la postkongresa numero de "Internacia Fervojisto".
Aldoni novan cif. (15) :
(15) Interkonsente kun la landaj asocioj, la gvidanto aranĝas koncizajn referaĵetojn "Aktualaĵoj el mia lando", kiujn prezentas prelegantoj el la respektivaj landoj.
La tekstoj aperas laŭ la disponebla loko - se eble komplete - en la postkongresa numero de "Internacia Fervojisto".

La ĝisnunaj ciferoj (15) kaj (16) fariĝas (16) kaj (17).

**Komentario:** Per la proponitaj ŝanĝoj ni intencas pli racie utiligi nian internacian organon kaj samtempe certigi, ke la funkciuloj plej rapide havas en manoj la protokolojn.

La ĉefkomitatano,
Lucien de Sutter.

## RAPORTO DE LA KASISTO PRI LA JARO 1986

| Enspezoj: | DKK | Elspezoj: | DKK |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 38656,79 | Internacia Fervojisto | 25785,06 |
| Junulara Fonduso | 370,00 | Estraro | 3760,80 |
| Terminara Fonduso | 10308,10 | Administrado | 3704,15 |
| Rentoj | 1473,30 | Reprezentado | 1109,15 |
| | | Kotizoj | 1396,30 |
| | | Junulara Fonduso | 370,00 |
| | | Terminara Fonduso | 12608,10 |
| | | Deskribo inventaro | 2390,76 |
| Entute | 50808,19 | | 51124,32 |
| Plielspezoj | 316,13 | | |
| | 51124,32 | | 51124,32 |

## BILANCO JE LA 31.12.1986

| Aktivoj: | DKK | Pasivoj | | DKK |
|---|---|---|---|---|
| Kaso | 1238,64 | Kongresa Garantia Fonduso | | 11162,27 |
| Poŝtĝirkontoj | 1023,83 | Junulara Fonduso | | 2006,45 |
| Bankkontoj | 51133,66 | Terminara Fonduso | | 30695,20 |
| Inventaro | 4781,55 | Havaĵo 31.12.85 | 15847,09 | |
| Bonhavo GEFA | 1217,20 | Plielspezoj | 316,13 | |
| | | Havaĵo 31.12.86 | | 15530,96 |
| | 59394,88 | | | 59394,88 |

# JARRAPORTO DE LA SEKRETARIEJO PRI 1986

**Antaŭrimarkigo**

Estas utila kutimo, ke la raportoj estas ordigitaj preskaŭ en la sama skemo. Kiel ni jam en la pasintaj jaroj menciis, tio faciligas la komparon kun raportoj el antaŭaj jaroj. Krome ni rekomendas, ke la legantoj nepre tralegu la resumon pri la landaj jarraportoj (IF 5/1986, p.73).

**Niaj mortintoj**

Ni eksciis pri jenaj personoj, kiuj por ĉiam forlasis nin:

| | |
|---|---|
| FR Germanio: | Elisabeth Glas |
| | Lothar Kuhn |
| | Gustav Ludwig |
| | Siegfried Weber |
| Hungario: | Lidia Tormassy |
| Nederlando: | Klaas Koster |
| Svedio: | Folke Pettersson |
| Francio: | René Bastong |

Ili trovu eternan pacon!

1. **Membrostato**

La legantoj bonvolu informi sin el la raporto de la kasisto aliloke en ĉi tiu numero de IF.

2. **Interna laboro**

2.1 **Estrarkunvenoj**

La estraro kunvenis dufoje (krome en la kongreso), nome en Bremen (D) en marto kaj Rapham (N) en oktobro. La kompleta estraro partoprenis, krome kiel gasto la ĉefkomitatano. Oni pritraktis la multspecajn problemojn, ĉiam en amika atmosfero. Estis fruktedona kaj tre kontentiga kunlaboro.

2.2 **Cefkomitatano**

La ĉefkomitatano plenumis akurate siajn multflankajn taskojn. Li forsendis cirkuleron kun la demandilo (por la jarraporto) kaj plenumis ankaŭ aliajn laŭstatutajn taskojn, ekz. li kolektas la kongresproponojn kaj publikigas la tagordojn por la kongreso.

2.3 **Vizitoj**

Estraranoj partoprenis 1986 en diversaj aranĝoj. En oktobro okaze de sia rutina kunveno la tuta estraro ĉeestis en la Nordia Kunveno. La prezidanto kaj la redaktoro partoprenis en la 3a kongreso en Pollando (Waźne Młyny). Krome la prezidanto gvidis la skisemajnon Sils (CH) kaj ĉeestis la hungaran jarkunvenon en Budapest.

2.4 **Evoluo en kelkaj landoj**

Portugalio kaj Rumanio:

Bedaŭrinde ni ankoraŭ ne sukcesis fondi IFEF-landan sekcion en Portugalio, dum en Rumanio pro diversaj kaŭzoj ne eblas restarigi la iam ekzistantan asocion.

Ĉinio:

En Ĉinio estas favora evoluo. Intertempe fondiĝis ankaŭ en Wuhan (Mongolio) Fervoja Esperanto-Sekcio. Ni esperas, ke la ĉinaj kolegoj sukcesos fondi vivkapablan landan asocion de IFEF. Ekestis personaj kontaktoj kun ĉinaj kolegoj dum la UK Pekino (v. 3.6 kaj IF 5/86, p.66).

3. **Laborplano**

3.1 **Koresponda Servo**

Tiu servo funkcias kaj regule envenas korespond-deziroj. Ni rekomendas, ke la membraro utiligu la servon.

3.2 **Jubilea Jaro**

IFEF havis diversajn ideojn por sukcesigi la Jubilean Jaron. En la venonta kongreso en Katowice la prezidanto, la vicprezidanto (resumo pri la landaj raportoj) kaj la komisionoj informos la membraron pri la rezultoj.

3.3 **Junularo**

Ankaŭ en la jaro 1986 la situacio restis malbona. Bedaŭrinde ĝenerale mankas la intereso en la junularo, precipe en okcidentaj landoj. Sed grandan rolon ankaŭ ludas la personara situa-

cio en la fervojaj entreprenoj, kiuj pro ŝparado seninterrompe malpliigas la nombron de fervojistoj, tiel ke mankas junaj. Kaj tiuj daŭre devas kalkuli pri ŝanĝo de laborloko.

3.4 **Terminara Komisiono**

Pri la ampleksa kaj komplika laboro la legantoj trovas raporton en IF 6/86, p.90. Entute la terminara agado bone progresas.

3.5 **Fakprelega Komisiono**

Tiu komisiono bonege plenumis siajn taskojn. Ĝi zorgis por korektaj prelegoj. La kontaktoj al la koncernaj landaj asocioj estis bonaj. En Skopje (YU) la fakprelego estis vere instrua kaj ankaŭ la "Fervojaj aktualaĵoj" donis denove sciindajn informojn.

3.6 **Fervoja kontaktkunveno dum la 71a UK**

Sub gvidado de nia ĉefkomitatano Lucien de Sutter okazis en Pekino la IFEF-kontaktkunveno (51 partoprenantoj el 15 landoj). Prelegis UEA-komitatano Istvan Gulyás (H) pri la estonteco de la eŭropaj fervojoj kaj Josef Weidacher (D) pri la plej nova trajntipo de la Germana Federacia Fervojo (DB) (vidu IF 5/86, p.66).

4. **Aranĝoj**

4.1 **IFEF-skisemajno**

La 27a IFEF-Skisemajno okazis de la 11a ĝis 18a de januaro 1986 en Sils (CH). Partoprenis 51 gekolegoj el  landoj (vidu IF 2/86, p.29).

4.2 **IFEF-kongreso**

La 38a IFEF-kongreso okazis de 17a ĝis 23a de majo 1986 en Skopje (YU). Partoprenis 715 personoj el 18 landoj.

Jen kelkaj gravaj programeroj:

a) En unu urbkvartalo estis inaŭgurita strato "Esperanto". Sur la nomŝildo estas legebla "Ulice Esperanto" (en cirilaj literoj).
b) Josip Zupaniĉ (YU) estis nomumita Honora Membro de IFEF. Magistro Gvozden Srediĉ (YU) ricevis la oran medalon de FISAIC.
c) La kongreso akceptis "Mesaĝon de Paco". La kongresanoj intencis per tiu certigi pacon sur la tero.
d) Gvozden Srediĉ prelegis pri la temo "Internacia transporta merkato de facile pereemaj varoj - Komuna aktiveco de eŭropaj fervojoj en kadro de la societo Interfrigo".
e) Interesajn informojn ricevis la aŭskultantoj en "Fervojaj Aktualaĵoj". Raportis gekolegoj pri fervojoj en Albanio, Aŭstrio, Francio, FRGermanio, Nederlando kaj Pollando.
f) Kelkaj kulturaj kaj distraj aranĝoj.
g) Interesaj ekskursoj.

5. **Eksteraj rilatoj**

5.1 **UEA**

La kontakto inter UEA kaj IFEF estas bonega. En 1986 aperis baza artikolo (verkita de prezidanto J.Giessner) pri IFEF en la revuo "Esperanto" de UEA. Ankaŭ la kunlaboro por la preparado de la Jubilea Jaro funkciis.

5.2 **FISAIC**

Kiel en la pasinteco ankaŭ 1986 la kontaktoj inter FISAIC kaj IFEF estis agrablaj. La kongreson Skopje vizitis la FISAIC-kasisto Hutmacher (CH). La IFEF-kasisto Hauge reprezentis la danan FISAIC-sekcion en la ĝenerala asembleo de FISAIC.

**Fino**

Kvankam la evoluo en IFEF same kiel en aliaj kulturaj organizoj ne ĉiam estas kontentiga, ĉar la intereso de la publiko por la Internacia Lingvo ne estas tro granda, ni povas konstati, ke en multaj el niaj landaj asocioj agemaj kolegoj daŭre klopodas kun bonaj rezultoj antaŭenpuŝi

la ideon de Esperanto inter fervojistoj kaj fervojoj. Tamen la estraro estus pli feliĉa, se la aktiveco estus ĝenerale pli vigla. Bedaŭrinde en tiu ĉi raporto mankas eble kelkaj gravaj informoj (ekz. sciigoj pri mortintoj ktp.). En la jarraporto pri 1985 la sekretario petis, ke la landaj asocioj sendu siajn bultenojn al li. Bedaŭrinde la peto estis vana. Kion fari? Do, ni ripetas la peton.

Lindhorst, en februaro 1987
O.Rösemann

## RAPORTO DE LA REDAKTORO PRI LA JARO 1986

La 38a jareldono de Internacia Fervojisto enhavas la kutimajn 96 paĝojn en 6 numeroj.

La redaktora intenco estis liveri revuon kun varia enhavo, tamen kun absoluta plimulto de fervojfaka materialo. Ĉu tio sukcesis laŭ leganta prijuĝo, mi ne scias, sed feliĉe la bona Dio rigardas la volon, ne la rezulton.

Fidelaj kunlaborantoj en pluraj landoj liveris valoran materialon, kaj la kongresaj fakprelego kaj aktualaĵoj plenigis per siaj interesaj informoj paĝojn de fakaĵoj.

"Termometro" pri la enhavo de la Terminara Fonduso kaj raportoj de la Terminara Komisiono informas vin pri la stato de ĉi tiu gravega laborkampo, pri kiu ni rajtas fieri.

Tradukoj nacilingvaj de artikoloj en Internacia Fervojisto komencas aperi, precipe en Ceñoslovakio, kaj per tio ni vidas komenciĝon de plia valoro de nia organo.

La kutiman ripeton de peto pri amasa alsendo de mallongaj noticoj mi ĉi tiun fojon ne mencias, sed estu ĉiam en via ĉiutago malferma al fervojaj eventoj, kiuj povus interesi al internacia publiko.

Kiel kutime administraj informoj kaj sciigoj pri niaj kongresoj kaj landaj asocioj prenis multajn paĝojn. Tamen malhaveblaj estas informoj pri tiu parto de nia agado.

Kun konfido ni eniris la Jubilean Jaron de Esperanto.

Redaktoro

## TK-RAPORTO

La terminaraj kunlaborantoj estis tre okupitaj dum la vintra sezono. Ni tiun tempon, ĉar la printempa suno forlogos iun kaj tiun kaj nur la vesperoj restos je nia dispono por la TK-laboro.

UIC en Parizo traktis ĝis la litero O la novajn terminojn de la fervoja leksikono (LG IV). Ankaŭ ni jam tradukis ilin ĝis la menciita litero.

Esperanto do estas ankoraŭ sur la sama nivelo kiel la naciaj lingvoj, kaj ni estas eĉ pretaj tuj akcepti kaj senpere trakti la novajn tradukendajn terminojn.

La progreso de nia laboro dependas de la evoluo de UIC en Parizo. UIC ja preparas la kvaran eldonon de la fervoja leksikono (LG IV). Laŭ nia laborkapablo, ni povus esti pretaj ankoraŭ en tiu ĉi, la jubilea, jaro; kondiĉe ke ni ricevus baldaŭ la tutan materialon.

Per la Terminara Kuriero (TeKu) ni akordigas nian aktivecon, por ke ĉiuj fortoj estu direktataj al nia celo:

Aperigi tiun fakan leksikonon en Esperanto samtempe kun la aliaj naciaj lingvoj, por montri, ke Esperanto estas plej aktuala.

En Katowice ni sendube povos prezenti konkretan rezulton de nia terminara laboro.

Dieter Hartig - redaktoro TeKu

(Kvankam la ĉisupra TK-RAPORTO ne estas oficiala jarraporto de TK. ĝi aperas ĉi tie pro la tema graveco. Red rim).

## ESPERANTO-ARANĜOJ DUM 1987

Kompreneble maleblas mencii ĉiujn - eĉ ne ĉiujn gravajn - Esperanto-aranĝojn, kiuj okazos en la Jubilea Jaro 1987. Pensu nur pri la longegaj listoj en "Heroldo de Esperanto". Kun ĝi ni ne povas, kaj ne deziras konkurenci.

Tamen ni mencios kelkajn, sporade, sen multa konsidero al ĝiaj graveco aŭ amplekso - kelkfoje nur tial, ke la organizantoj sendis al ni informojn.

| | |
|---|---|
| 15.-21.aprilo 1987: | 11a Internacia Junulara Festivalo/2a Mediteranea Festivalo en Torino, Italio. Temo estos "Moderna socio inter magio kaj teknologio". Informojn donas Francesco Amerio, V.Volante 16, I-10133 TORINO. |
| 19.-25.aprilo 1987: | Internacia Renkonto de Infanoj en Kultura Esperanto-Domo Grésillon, F-49150 BAUGÉ. |
| 29.aprilo-3.majo 1987: | 15a Scienca Interlingvistika Simpozio en Varsovio, Pollando, kun ĉeftemo "100 jaroj de Esperanto - 100 jaroj da influo al Esperantaj Lingvo kaj Movado". La simpozio okazos sub aŭspicio de Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo de UEA. Informoj ĉe Akademia Centro Interlingvistika, Rada Neczelna ZSP, ul. Ordynacka 9, PL-00-950 WARSZAWA. |
| 16.-22.majo 1987: | 39a IFEF-kongreso en Katowice, Pollando. |
| 5.-9.junio 1987: | 79a Franca Kongreso de Esperanto ĉe la lazura marbordo en La Gaillarde apud Frejus-St.Raphaél. Informoj ĉe ESPERANTO, Tour Vadon A, F-83700 ST-RAPHAËL. |
| 14.-30.junio 1987: | Internacia Renkonto (kursoj, distraĵoj) en Kultura Esperanto-Domo Grésillon, F-49150 BAUGÉ. |
| 2.-16.julio 1987: | Prelegoj kaj kursoj en Kultura Esperanto-Domo Grésillon, F-49150 BAUGÉ. |
| 16.-22.julio 1987: | Altnivela Semajno en Kultura Esperanto-Domo Grésillon, F-49150 BAUGÉ. |
| 17.-24.julio 1987: | 43a Internacia Junulara Kongreso en Krakovo, Pollando, kun temo "Homo kaj civilazaciaj minacoj". Adreso de LKK: ul.Mickiewicza 30, PL-30-059 KRAKÓW. |
| 18.-25.julio 1987: | Jubilea Esperanto-Konferenco en Graz, Aŭstrio, kun inaŭguro de "La Espero", monumento de Jesper Neergaard.<br>Konstanta adreso: D-ro Klaus Perko, Lendkai 111, A-8020 GRAZ. |
| 23.julio-13.aúg. 1987: | Someraj kursoj en Kultura Esperanto-Domo Grésillon, F-49150 BAUGÉ. |
| 25.julio-1.aŭg. 1987: | 72a Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio, Pollando, kun temo "Esperanto - 100 jaroj de internacia kulturo". Konstanta adreso ĉe UEA, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ ROTTERDAM. |
| 13.-30.aŭgusto 1987: | Lernado, praktiko, turismo en Kultura Esperanto-Domo Grésillon, F-49150 BAUGÉ. |

## KURS-PROGRAMO 1987

**de Kultura Centro Esperantista, La Chaux-de-Fonds, Svisio**

**Esperanto-staĝoj**
**por komencantoj kaj progresantoj**

23-28 mar. 20-25 apr. 18-23 maj. 8-13 kaj 22-27 jun. 13-18, 20-25 jul. 27 jul - 1 aŭg. 3-8, 10-15, 17-22 kaj 24-29 aŭg. 21-26 sep. 19-24 okt. 23-28 nov. 21-26 dec

**Seminarioj kaj ferioj**

13-18 apr. Claude GACOND: **Intensiva pretiĝo al trapaso de Esperanto-ekzamenoj.**
18-20 apr. Claude GACOND: **La montaro Juraso ekprintempe** (promenadoj).
6-8 jun. Inĝ. Johann PACHTER: **1-a stud-semajnfino pri arbaro.**
8-13 jun. Bernhard Eichkorn & Rudolf BOSSONG: **3-a seminario pri la nomoj de sovaĝaj plantoj.** (Claude GACOND gvidos la botanikajn ekskursojn).
13-18 & 20-25 jul. Glaude GACOND: **Esperanto-feriado por Infanoj kaj Familioj.**
10-15 aŭg. E. BORSBOOM: **Legindaj libroj en Esperanto ekster la beletraturo.**
17-22 aŭg. **Lertiĝo en la tradukarto,** el la franca kun Georges LAGRANGE, el la germana kun d-ro Dirk WILLKOMMEN.
17-22 aŭg. Perla MARTINELLI: **Ĵurnalisma grafiko.**
7-12 sep. Claude GACOND: **Eŭropa Ferio-Semajno Fervojema**
19-21 sep. Claude Gacond: **Piedira migrado tra la montaro Juraso.**
26-31 okt. Pastro Bernhard EICHKORN: **1-a Kristana Kultur-Semajno Esperantista**
26 dec - 3 jan. 1988: Claude GACOND: **Vintro-feriado: promen-skiado & prelegoj.**

Petu la detalajn informilojn al Kultura Centro Esperantista, Pf 771, CH-2301 La Chaux-de-Fonds (Svislando).

## NIAJ JARKUNVENOJ

**FERN (Nederlando)**

La jarkunveno de FERN okazos sabate la 4an de aprilo 1987 kadre de "Esperanto Jubilea Kongreso" de FEN en Amersfoort.

Inter la logaĵoj troviĝas prelego de William Auld kaj magiaĵojn de Trixini.

Informoj kaj aliĝoj ĉe s-ino C. Bossong, Floraplein 23, NL-5644 JS Eindhoven.

**FFEA (Francio)**

La printempa kunveno de FFEA okazos 22a-26a de aprilo 1987 en CLISSON (Loire Atlantique). Clisson estas urbeto 25 km sude de Nantes sur la fervojlinio Nantes-Bordeaux. Oni loĝos kaj kunvenos en moderna feria restadejo 600 m de la urba centro kaj de la stacidomo. Informoj kaj aliĝoj ĉe s-ino Claude DUGUE 8 bis, avenue du Général Leclerc, F-91580 ETRECHY.

**GEFA (FRGermanio)**

Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA) kore invitas al sia tradicia jarkunveno. Ĝi okazos de la 9a ĝis la 11a de oktobro en la sudgermana urbo Ingolstadt, kiu estas haltstacio de ĉiuj ekspres- kaj kelkaj IC-trajnoj al resp. de la proksima urbo München. Hoteloj, pensionoj kaj tipe bavaraj manĝaĵoj estas prezfavoraj. La multvaria programo inkluzive duontaga aŭtobusekskurso certigas agrablan restadon. Ingolstadt situanta ĉe la rivero Danubo ofertas allogan urbokernon kun vidindaj kasteloj, preĝejoj kaj domoj el pluraj jarcentoj. Petu aliĝilon kun provizora programo ĉe Klemens Lenz, Sedelmayerstr.20/1, D-8000 München 19, aŭ deĵorposte: GV München Nord, 800 München.

## EL LA FERVOJA MONDO

**Londono-Edinburgo**

En la jaro 1984 brita fervojo komencis elektrizi elstaran ĉefan fervojlinion Londono-Edinburgo, kune flanklinio Doncaster-Leeds, 48 km longa. La suma longo de tiu ĉi elektrizita fervojlinio estos 624 km, kaj la longo de elektrizitaj trakoj atingos 1890 km; iuj liniopartoj estas ĝis kvartrakaj. La unua elektrizita parto Hitchin-Huntingdon estos transdonita al elektra trafiko en 1987, al Leeds oni trafikos per elektra trakcio en 1989, kaj ekde 1991 povos veturiloj de la elektra trakcio trafiki sur la tuta linio Londono-Edingburgo; oni uzos sistemon de unufaza alterna kurento 25 kV, 50 Hz. Oni planas uzi 31 elektrolokomotivojn por pasaĝertrajnoj kun rapido ĝis 200 km/h kaj 31 elektrajn lokomotivojn por vartrajnoj; oni uzos krome 31 elektrajn unuojn por ambaŭ trafikoj. Por apudurba trafiko en ĉirkaŭaĵo de Londono oni uzos kvar elektrajn unuojn. La veturtempo post ekuzo de la elektra trakcio sur la tuta linio inter Londono kaj Edinburgo mallongiĝos je 4 horoj kaj 20 minutoj.

**Kien direktas la evoluo?**

Pasintjara kongreso de Internacia Unuiĝo de la fervojkompanioj, okazinta en Bruselo skizis bazajn tendencojn de la fervojevoluo en la mondo. Ili estas aplikado de elektroniko; rapidoj super 200 ĝis 350 km/h; enkondukado de la linia metodo en riparado de linioj; trakbazo kun balasto kaj elastaj elementoj por alfikso de trakoj, gluataj ŝpaloj kaj plasto; komenci trafikon de trakciiloj kun sinkronaj aŭ nesinkronaj motoroj; en la konstruado de veturiloj sisteme malmultigi uzon de neelastigitaj masoj; post 10-20 jaroj trafiki sur, certaj linioj je magneta principo.

**Novaj linioj de DB**

La fervoja reto en Federacia Respubliko Germanio devenas pliparte de la lasta jarcento. Konforme al la tiamaj postuloj oni konstruis fervojliniojn kun multaj malrektoj kaj arkoj kun malgrandaj radioj cele al kunligi per fervojo de plej multaj komunumoj. Post la dua mondmilito malmultiĝis la trafiko okcidento-oriento kaj plimultiĝis tiu nordo-sudo; sed al tiu ĉi evoluo la fervoja reto ankoraŭ ne akomodiĝis. 90 % da transporto estas nuntempe koncentrigita sur 40 % de la fervojlinioj; tio estas ankaŭ pruvo, ke la nuntempa fervoja reto ne plenumas la postulojn de la transporto. Bazo de la nova projekto de fervojreto DB estas konstruo de kvar tute novaj linioj kun suma longo 175 km kaj elkonstruo de 13 linioj kun suma longo 1970 km. du novajn liniojn oni jam konstruas, fine de la okdekaj jaroj oni komencos trafikon sur iuj iliaj partoj. En la suma longo oni ekspluatos ilin depost 1991. Al tiuj ĉi fervojlinioj apartenas la 327 km longa fervoja linio Hannover-Würzburg, kie oni konstruos 62 tunelojn kun suma longo 118 km kaj 267 pontojn kun suma longo 32 km, plue la 99 km longa fervoja linio Mannheim-Stuttgart, sur kiu troviĝos 15 tuneloj kun suma longo 30 km kaj 90 pontoj, kies suma longo atingos 5 km. Komunaj por ambaŭ linioj estos la plej granda deklivo 12,5 promilojn, radio de arkoj 7.000 metrojn, kaj plej granda rapido 250 km/h. En meza distanco po 20 km oni konstruos preterpasejojn; oni antaŭvidas mezan kapaciton de po 120 trajnoj tage en ĉiu direkto.

**Oni daŭrigas elektrizi fervojliniojn en GDR**

Lastatempe oni transdonis en GDR al trafiko pluajn elektrizitajn liniopartojn. Temas pri liniopartoj inter Rostock kaj Warnemünde en norda parto kaj Rosslau-Lutherstadt-

Wittenberg en suda parto de la respubliko. Per transdono de ĉi tiuj elektrizitaj linioj plenumis laborantoj, precipe junulbrigadoj siajn devoligojn honore al la okazinta Deka kongreso de SED (Unueca Socialisma Partio de Germanio). Oni eĉ superplenumis ilin je 170 kilometroj. En GDR nuntempe estas sume 925 km da elektrizitaj fervojlinioj. La ĉefa itinero gvidas el Bad Schandau tra Dresdeno, Berlino kaj Rostock al Warnemünde. Nur sur la lasta parto oni konstruis 2.040 mastojn por elektra konduktlinio.

Gis aprilo ĉijara oni planas elektrizi pluajn kilometrojn da linioj por atingi 1.000 km. Oni komencas elektrizi ankaŭ aliajn malpli gravajn liniojn. Rondlinio ĉirkaŭ Berlino apartenas al tiuj finelektrizitaj. La linio gvidas tra ŝarĝstacioj Berlin-Pankow, Köpenick Kaj Wuhlheid. La elektrizado rimarkinde rapidigos transporton de varoj al nordaj marhavenoj kaj male al suda parto direkte al Dresdeno.

Kune kun elektrizado de linioj oni en GDR pligrandigas ankaŭ la parkon de elektraj lokomotivoj. La malnovaj estas anstataŭataj per pli modernaj lokomotivoj de tipo E 243, kiuj havas malpli grandan energian pretendon, sed pli grandan tirpovon. Tiuj lokomotivoj estas fabrikataj en fabriko "Hans Baimler" en Henningsdorf. Antaŭ la fino de 1985 oni fabrikis jam cent. Dum la unua kvaronjaro 1986 oni transdonos al trafiko pluajn 25 lokomotivojn. En GDR oni komencis elektrizi fervojojn nur en la jaro 1955 - fervojan linion Halle-Köthen - 37,5 km longa. La vera disvolvo de elektrizado komencis nur post 1981.

**Cu vaporlokomotivoj retrafikos?**

Surprizan opinion esprimis laborantoj de Politeknika Instituto en Ĥarkovo (Sovetunio). Post funda pripenso oni opinias, ke en la proksima estonto sur fervojoj reaperos vaporlokomotivoj. Ili tamen karakterize diferencos de la pli fruaj vaporlokomotivoj, kiuj jam ĉesis regule trafiki pro siaj malgranda povumo, malpurigado de ĉirkaŭaĵo kaj nelastvice ankaŭ pro peza fizika laboro dum ilia priservo.

La ĥarkovaj specialistoj opinias, ke la novaj esploroj de scienco kaj tekniko - precipe en elektroniko kaj en evoluo de novaj konstrumaterialoj - malfermos vojon por vaporlokomotivo de la nova generacio eluzanta energion de perfekte bruligata forfalaĵa karbopolvo. La ŝutiĝeman brulaĵon oni enpelados en la fajrejon aŭtomate, reguladon de reĝimo de la maŝino transprenos mikroprocesiloj. Povumo de tia lokomotivo estos kompare al klasika vaporlokomotivo trioble ĝis kvaroble pli granda. Oni antaŭvidas, ke la maŝinoj avantaĝaj pro siaj malaltaj funkciigkostoj estos uzataj en la loka transporto precipe en proksimeco de karbobasenoj.

Kompilis Jindĥich Tomíŝek

**PETO**

Antaŭ kelkaj jaroj mi komencis kolekti fervojajn ĉapojn partopreninte en IFEF-kongresoj kaj vojaĝinte tra Eŭropo. La fervojaj ĉapoj el diversaj landoj ebligas paroli en mia klubo pri tiuj landoj kaj iliaj fervojoj.

Nun mia kolekteto nombras dekunu ĉapojn el Italio, Jugoslavio, Hispanio, Francio, Belgio, FRGermanio, Ceĥoslovakio, Rumanio, Bulgario, Turkio kaj Sovet-Unio.

Mia peto estas, ke esperantistoj-fervojistoj partoprenantaj kongreson en nia lando en 1987, bonvolu alporti al mi fervojajn ĉapojn, se eble ruĝajn, kontraŭ samvalora rekompenco, kaj memkomprenebla dankemo.

Mi loĝas kaj laboras kiel fervoja inĝeniero en lokomotivejo.

Kompreneble mi partoprenos en ambaŭ kongresoj en nia lando.

Janusz Fortuński
str. Wojska Polskiego 2-3/8
PL-45-751 OPOLE

## ILI SKRIBAS PRI NI

La ĉi-suban raporton sendis fidela kunlaboranto de Internacia Fervojisto, s-ro Jindřich Tomíšek, Ĉeĥoslovakio.

Certe la nacilingvaj periodaĵoj - ĉu porfervojaj, ĉu ĝeneralaj - multon skribas pri nia laboro, kaj volonte IF de tempo al tempo aperigos similajn raportojn pri tiu grava tereno de nia agado.

Do, kolektu eltondaĵojn de aŭ informojn pri artikoloj kaj noticoj, kaj sendu al la redakcio de Internacia Fervojisto.

En nia Fervojista Sekcio mi estas komisiita por informado kaj aperigado de la fakaj informoj en esperanta kaj neesperanta gazetaro. Mi do donas raporton pri pasintjare aperintaj artikoloj kaj informoj en nialanda gazetaro, pri kiuj mi scias:

En Starto (organo de ĈEA) aperas regula rubriko "el fervojista movado". Pasintjare tie aperis artikoloj kaj informoj pri nia 36a IFEF-kongreso en Slanĉev Brjag, pri la jarkunveno en Jablonec, kaj multaj fakaj artikoletoj kaj informoj.

En ĉeĥlingva tutŝtata fakgazeto "Železničar" (La fervojisto) aperis du artikoloj - tiu pri la okazinta 36a IFEF-kongreso en Slanĉev Brjag kaj informartikolo pri diversaj internaciaj Esperanto-renkontiĝoj fervojistaj. En ĉeĥlingva semajna gazeto Jihomoravský železničář aperis pasintjare naŭ artikoloj (kelkaj kun fotografaĵoj), inter ili longa artikolo kun du fotoj pri jarkunveno de esperantistaj fervojistoj de GDR, longa tradukaĵo el Esperanto "Novaĵoj pri mallarĝŝpuraj fervojoj en GDR", artikolo pri la 36a IFEF-kongreso en Slanĉev Brjag, sufiĉe longa traduko de la fakprelego dum 36a IFEF-kongreso "Perspektivoj de la bulgara fervoja transporto", longa artikolo pri la 1a kongreso de la polaj fervojistaj esperantistoj en Tarnowskie Góry (kun fotografaĵo), informoj pri la okazontaj renkontiĝoj de la fervojistaj esperantistoj kaj pri kursoj, artikolo kun foto pri la 18a jarkonferenco de FS CEA en Jablonec ned Nisou kaj aliaj.

Cijare Jihomoravský železničár, aperanta en pli ol kvinmil ekzempleroj kaj plej ofte informanta pri Esperanto kaj E-agado de la fervojistoj aperigis jam du artikolojn - unu kun titolo "Na návštêvê u nêmeckých železničářů" (Vizite ĉe la germanaj fervojistoj) pri partopreno de la ĉeĥoslovakaj delegitoj en jarkunveno de orientgermanaj fervojistaj esperantistoj en Tambach-Dietharz (kun foto), alian "Železničáři a esperanto" (La fervojistoj kaj Esperanto) - unuan parton de informoj pri IFEF kaj nia Fervojista Sekcio, kompilita kaj tradukita laŭ la "Historio". Krome la tutŝtata gazeto Železničár (La fervojisto) aperigis en sia tria ĉijara numero artikolon "Na návštêvê en NDR" (Vizite en GDR) - mallongigitan artikolon pri la vizito en GDR kaj partopreno en la tiea jarkunveno.

## ENHAVO





1887-1987 | Centjara Jubileo de Esperanto

Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos fine de aprilo, estas 20.3.1987.

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved